2.º Ep. AÑO III, N.º 12 (148) MARZO - ABRIL 1965.

# Boletín

## DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA



La Esperanto Klubo de Hukuoka Syogyo Kotogakko, Japanio, okaze de kulturfesto, organizis Ekspozicion de Esperanto kiu atingis grandan sukceson. En la bildo oni povas vidi la afiŝojn de la XXIIIa kaj XXVa Esperanto Kongresoj de nia lando.

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA**

Direktoro: Domingo Martínez Benavente

Redakcia Komitato:
Angel Salete
Nicolás L. Escartín
Emilio Gastón

ADRESOJ:

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.°
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.° Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.°
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado sendu al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Sekretariejo de H. E. F.
P.° Marina Moreno, 35, 4.° dcha.
Ĉekkonto: n.° 14114, Banco de Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 100 ptojn.




## De Secretaría

*Un samideano de Tarrasa (cuyo nombre no indicamos por expreso deseo suyo), en un gesto simpático que agradecemos mucho, nos envía un donativo de 500 pesetas, destinado a abrir una suscripción para la adquisición de un micrófono y altavoz para que, tanto los estraranos como los oradores sean bien oidos en los Congresos sin necesidad de que el resultado de sus esfuerzos sea una afonía más o menos aguda, como hasta la fecha. Sería de desear que H. E. F. dispusiera en sus Congresos de estos elementos tan útiles, por lo que esperamos la reacción positiva de nuestros samideanos a la simpática y verdaderamente acertada sugerencia del samideano de Tarrasa.*

*H. E. F. en su colaboración con U. E. A. en las actividades del año de Cooperación Internacional, lleva distribuidos más de 1.500 pliegos para recogida de firmas. Hasta la fecha el resultado es satisfactorio, y debemos destacar, por el celo y la eficiencia demostrados en su actuación en este sentido, a los samideanos de Callosa del Segura, y al señor Gisbert de Barcelona.*

*Los esperantistas palentinos están preparando con todo entusiasmo el XXVI Congreso de H. E. F., que no dudamos ha de alcanzar un verdadero éxito: contribuyamos todos a ello con nuestra asistencia y adhesión.*

*Durante el Congreso celebraremos nuestra Junta General; para entonces conviene haber estudiado en que Ciudad podrá H. E. F. celebrar su Congreso en el año 1966. Así pues, pido a todos los esperantistas que piensen las posibilidades que tengan para poder organizarlo y nos lo comuniquen.*

*De ahora en adelante, el número de Boletín correspondiente a mayo-junio, será el que se envie contra reembolso de la cotización anual a todo el que no haya pagado hasta esa fecha, lo que comunico para conocimiento de aquéllos a quienes concierna.*

*INES GASTON*

* Je via dispono ni havas belajn kolorajn poŝtkartojn pri la venonta Kongreso, eldonitaj en Palencio. Prezo: 2 ptojn. ekzemplero.

* Ankaŭ vi povas mendi jam la belajn glumarkojn de la Kongreso. Prezo: folieto kun 6 gm. 1,50 ptjn.

* Novajn belajn pk. kaj kovertojn pretigis por vi la eldona Fako. Prezo Poŝtk ses ptjn. la deko. Kovertoj, ses ptojn. la deko.

* Poŝtkartojn kaj glumarkojn de la Kongreso vi povas mendi ankaŭ al la sekretario de la loka komitato. Sro. Dativo Blanco, str. Victorio Macho, 46, 3.° PALENCIA.



# SALUTO KAJ INVITO

Gesamideanoj kiuj vizitos nin, saluton!

Baldaŭ ni havos la ĝojon akcepti kaj ĉirkaŭbraki vin en nia vasta ebenaltaĵo.

Ĉi tie vi povos admiri niajn artaĵojn, niajn malnovaĵojn, kaj niajn mirindajn preĝejojn, kiuj estas la admiro de ĉiuj kiuj vizitas nin.

Mi devas averti vin, ke ĉi tiuj belaĵoj, ne estas la solaj kiujn ni havas, eĉ plej belaj sendube estas la ĉielo kaj la tero; kaj ne la ĉielo sen la Tero, aŭ la Tero sen la ĉielo, sed ambaŭ kune.

La ĉielo kuniĝas kun la tero en granda, bela kaj nekomparebla horizonto, kiu estas la komenco de la Tero kaj de la ĉielo, pro kio ni povas vante diri, ke nia lando estas la komenco de la ĉielo. Kaj estas nia deziro kaj espero, ke en ĉi tiu idilia medio, nia XXVIa Hispana Kongreso de Esperanto trovos riĉan grundon por ke la floro de l'sukceso elkresku kaj instigu al ni al vigla laboro por Esperanto. Al tio ni sopiras kaj por tio ni laboras.

Denove salutas, kaj atendas vin ĉiujn en Palencia, via samideano.

BENITO CALVO LOPEZ

Prezidanto de la Esperanto Grupo de Palencia.

Prezidanto de la loka kongreskomitato.

# Sankta viro forpasis

J. E. Guillem

Ni, hispanaj esperantistoj restas senhelpaj kaj senkonsolaj. Tia estas la situacio post la forpaso de nia kara Patro Jozefo Casasnovas Genover, elstara pioniro de nia movado, kaj grava helpanto de nia Federacio dum la multaj jaroj kiam ĝi havis la sidejon en Valencia.

Freŝa estas en nia memoro lia prezento al vi, kiel nia pioniro en la paĝoj de nia BOLETIN de majo-junio 1964, kun pliaj detaloj pri lia vivo kaj helpemo al nia idealo. Espereble iu katalunа samideano bonvolos rakonti pri liaj antaŭaj heroecaj laboroj, organizante regionan kongreson en 1921, kaj gastigante aŭstriajn infanojn en Gerona provinco, ĉar mi nur povas paroli pri lia aktiveco kaj agado dum lasta epoko, kiam mi konis lin.

Cirkonstancoj permesis al mi la grandan plezuron koni lin en Valencia dum nia 13a nacia Kongreso, la jaron 1952. Belege sonoris lia patra voĉo en la kapelo de la Sankta Kaliko de nia katedralo. Sekvantan jaron okazis la Kongreso en Bilbao, kaj liaj kuraĝaj vortoj multe beligis la meson en la Baziliko de Begoña; poste li iris ankaŭ al Zaragoza, Gijón, Barcelona kaj Madrid, kie lia konvinkiga prediko en San Francisco El Grande meritis la honoron de la presigo; kaj poste mi vidis lin en Castellón, Málaga, Pontevedra, Palma de Mallorca, Valladolid... resume: en la kvar punktoj de nia landa geografio.

Sed ni restu ĉi tie kaj permesu al mi rakonti malgrandan travivaĵon:

Dum la vojaĝo al la Esperanto-Kongreso de Pontevedra, ni havis liberan matenon por viziti la belan urbon Santiago de Compostela, kie ni plendetale vidis la famegan katedralon. Ankoraŭ daŭris niaj komentarioj pri la ĵus vidintaj artaĵoj kaj kiam ni promenis en apudan ĝardeneton, neatendite jen la alta figuro de nia Patro kiu rapide promenas al ni. La pura blankeco de lia hararo kontrastis kun la nigra longa sutano, sed en lia rozkolora vizaĝo ĉiam estis trovebla afabla mieno kaj agrabla rideto. Li diris, ke nur antaŭ kvin minutoj li alvenis per aviadilo, kaj lia intenco estas veni kun ni, en nia aŭtobuso ĝis Pontevedra, sed restas duonhoro antaŭ la foriro, kaj li treege multe dezirus vidi iom el la katedralo, neniam antaŭe vidita de li. Jen oportuneco la mia, fariĝi lia improvizita ĉiĉerono, kaj rapide mi proponis ke mia edzino restu en la ĝardeneto kun lia valizo kaj mi tre volonte lin akompanos kaj montros ĉion plej belan el la katedralo. Rapida estis la rigardo al Pórtico de la Gloria, al grandega arĝenta Botafumeiro, al muzeo, al la tombo de Sankt'-Jakobo (hispane Santiago), la celo de la pilgrimadoj, kaj poste ni ankoraŭ ĉirkaŭpromenis la konstruaĵon por admiri la fasadojn de l'Obradoiro, las Platerías, Azabachería kaj Puerta Sankta, altegaj turoj, ktp.

Lia hejma lingvo estis la kataluna, iom forta por la oreloj de valenciano, sed nia konversacio prefere okazis en Esperanto, kaj liaflanke, per tre flua kaj milda parolmaniero. Poste ni alvenis ĝustatempe por la foriro, mia edzino redonis la valizon, kaj estis al ni granda plezuro aŭdi la delikatan dankesprimon de li. Mia edzino mem spontane diris, ke lia boneco kaj afableco estis nur komparebla kun tiu de sia vera patro, kaj mi respondis, ke ni ĉiuj hispanaj esperantistoj amas lin tiamaniere.

Tri tagojn poste, lia prediko en la preĝejo Santa María la Mayor, de Pontevedra, estis unu el la plej fluaj, belaj kaj viglaj kiun ni ĝuis aŭdi.

Sed en la esperantista laboro de nia virta kaj kuraĝa Patro, ne nur estis brilaj belegaj predikoj, mulfoje li efike helpis la Federacion. Iufoje, barcelona revuo kalumnie atakis nian Movadon, kaj la venontan numeron ĝi estis devigita publikigi la konvinkigan kaj mirindan respondon de nia sacerdota samideano. Tiu estis granda momento de inspiro de nia vigla kaj kuraĝa Patro.

Dum nia 25 Jubilea Kongreso, oni parolis pri omaĝo al li en Gerona, kaj la Estraro de H. E. F. jam de antaŭlonge okupiĝas pri la afero. Mi estas certa, ke tiu omaĝo trovos aproban reeĥon en la koroj de ĉiuj kiuj konis lin.

Al la enterigo venis nia Sekretariino Inés Gastón el Zaragoza kaj samideanoj el Barcelona, Sabadell, Tarrasa kaj San Pau de Ordal, kiuj portis florkronon en la nomo de la Hispana Esperanto Federacio kun belaj silkaj rubandoj, similaj al tiuj de Zamenhof en Varsovio.

Nia movado perdis bravan kunhelpanton, kiu multe kaj efektive apogis nin en ĉiuj antaŭaj Kongresoj, kaj precipe en la plej delikataj kaj gravaj horoj. Ĉio en li estis virtoj, neniam serĉis gloron kaj aplaŭdon, kaj lia modesteco kaj bonkoreco estis same grandaj ol lia diligenta aktiveco kaj batalemo. Bonan ekzemplon de li, ni prenu!

---

# Esperanto-Klubo de Sabadell



La 28an de februaro 1965, nederlanda samideano Dro. Hans Mabesoone, universitata profesoro pri geologio en Recife, Brazilo, projekciis aron da koloraj diapozitivoj, objektive komentariataj, pri la norda parto de tiu amerika lando. Lin prezentis Dro. Miguel Crusafont Pairó, profesoro pri Paleontologio en la Universitato de Barcelona. La eventon oficiale organizis «Muzeo de Sabadell» en kunlaboro kun la loka Esperanto klubo, kies sekretario, samideano Liberto Puig, kompetente interpretis por la neesperantista publiko. Radio Sabadell, afable disponigis sian aŭditorion.

*Velus*

## Directiva de H. E. F.

Se comunica para general conocimiento que, verificada la Votación reglamentaria, han sido elegidos para los cargos que se indican a los siguientes señores:

Vicepresidente: D. VICTOR ORTIZ GRATAL, de Zaragoza.

Vocal 1.º: D. MARIANO CANTALAPIEDRA NIETO, de Valladolid.

# HISPANA SANKTA SEMAJNO

*Inés Gastón*

Nenio estas tiel viva kaj profunda por sentigi la spektantan emoción dum la sublimaj tagoj de la Sankta Semajno de Hispanio, kiel la «pasos» de ĝiaj famaj Virgulinoj. En tiuj «pasos», oni resumas kaj glorigas samtempe la sencon de beleco kaj harmonio, kiu prezidas nian tradician Sanktan Semajnon.

Rigardante unu el tiuj «pasos», la teologisto pensos: estas mistikismo; la poeto, estas poezio; la pentristo, estas kolorismo; la matematikisto, estas ekzakteco... Kaj certe, al ĉiuj, la hispanaj «pasos» ĝenerale, kaj ĉefe tiuj de siaj Virgulinoj, oferas por ilia avida rigardo kaj spektanta animo, mistikismon, poezion, lumon, realecon kaj severecon sendistinge, sed...

Sed, en ĝia tutaĵo, kion ili havas estas harmonio, ĝusteco, kiel soneto de Garcilaso. Eĉ ne unu el siaj strofoj malakordas. Kiel laŭdo kaj honoro de fido estas pura poemo de saĝeco kaj gracio.

Oni povas certigi sen ebla troigo, ke tiuj «pasos» estas konstruitaj laŭ aristotela senco. Tio estas per la liriko kaj la cirkelo. Tiu donas al ili, fantazion, idealismon, poezion... La cirkelo inspiras al ili ekzaktecon, belecon, harmonion...

Kaj oni ne scias, ĉu la oro en ĝiaj arabeskoj fariĝis verso, aŭ ĉu la verso sin stampis en la veluroj kaj atlasoj per oraj kaj arĝentaj signoj; ĉu la rigida kaj flagra ascendo de la kandeloj fariĝis branĉo de konvalo, au ĉu ĉiuj konvaloj de la kristanaro transformiĝis en malgrandan kaj gracian boskon el kandeloj, ĉu la fantazio fariĝis floro, aŭ ĉu la floroj de ĉiuj hispanaj ĝardenoj transformiĝis en dian ĥimeron...

Nenie ekzistas homa agado tiel perfekta, kortuŝa kaj harmonia, kiel tiu de la «pasos» de la hispana Sankta Semajno, kiuj en sia defilo estas kiel esprimo, meze de ĉiuj esprimoj de amo kaj beleco.

Poezio sur portiloj!

## PALMOFESTO

Beno de palmoj kun sia bela potenco simbola kaj rememoriga. Nia Sinjoro, en tiu tago, ĝojas permesante, ke la popolo aklamu Lin. Kaj nun, tiu simbolismo pligrandigiĝas, ĉar la Sinjoro en tiu tago, por sia eniro en Jerusalemon, elektis la pacan azeninon.



Hispanio nun, en ĉi tiu tradicia kaj luma Palmofesto, kolektiĝas en siaj preĝejoj, kaj kunportas siajn palmojn por ricevi la sanktan pacan benon.

Ĉefe la Katedraloj aperas eksterordinare ornamitaj. La popolamaso, tremante pro la fida emocio, partoprenas la solenaĵon. Kaj en la kvartaloj, en la plej malriĉaj preĝejoj, oni plenumas la liturgion...

Hispanujo, per sia Palmofesto, inicas la imponan kaj gloran majestecon de sia Sankta Semajno, unika en la mondo.

Lundo... Mardo... Merkredo... estas tagoj, kvankam ne tiel riĉaj en sia ceremonia pompo, tamen plenaj de beleco kaj emocio. La procesioj sin sekvas. La popolo akompanas Nian Sinjoron kaj la Sanktan Dipatrinon.

Sankta ĵaŭdo... estas unu el kiuj, laŭ la popola fervoro, brilas pli ol la suno. Sed brilas pli en Hispanujo, kie oni esprimas tiun fervoron antaŭ la defilo de imagoj, kiuj eternigas la Dian dramon per profunda kaj kortuŝa fido.

En la preĝejoj okazas solena Diservo, prediko pri la Eŭkaristia starigo kaj lokigo de Dio en la Monumentoj,



*NIAN KONDOLENCON*

# *José Casasnovas, Pbro.*

En la nomo de la Hispana Esperanto Federacio, mi volas esprimi la grandan, profundan kondolencon de la tuta hispana esperantistaro pro la forpaso de Pastro Josezo Casasnovas.

Kvankam tiu granda perdo forte kortuŝis min, mi ne volas nun paroli persone, sed en la nomo de ĉiuj hispanaj esperantistoj, el kiuj iuj konis lin kaj ĝuis lian amikecon. Aliaj ne konis lin sed estis sciantaj pri lia valoro. En la nomo de ĉiuj ili, sed precipe de tiuj kiuj grupiĝas en nia Federacio mi volas esprimi tiun kondolencon.

Ĝuste kiam okazis lia morto, la Federacio okupigis pri la preparado al li de la sola omaĝo kiun li estus permesinta: doni al iu strato de lia urbo, Gerona, la nomon de nia lingvo aŭ la nomon de ĝia elpensinto.

Nia neforgesebla amiko ne povos tion vidi pere de la korpaj okuloj, sed li certe tion vidos el la ĉielo.

TIE LI RIPOZU EN ETERNA PACO.

*Miguel Sancho Izquierdo*
PREZIDANTO DE H. E. F.

de la imponaj de la Katedraloj, ĝis la plej humilaj de la vilaĝoj.

Vespere oni kantas la «Miserere».

Sankta Vendredo... trankvileco, pieco. La homoj ŝajnas ripozi post tiel granda emocio... Subite ili revigliĝas, kiam la unuaj sonoj de la tamburoj fendas la statikan aeron. Estas tagmeze, kaj la popolo denove eliras al la stratoj por akompani Dion procesie, kaj aŭskulti la predikojn pri la Sep lastaj paroloj de Jesuo sur la kruco... Vespere... En la temploj ĉio silentas post la funebra Diservo, en tiu nokto senfina kaj la tutan sabaton.

Ĉu restas ankoraŭ vivo ĉe la proksimeco de Kristo? Ne estas Sakramento sur la Altaro. Ne estas rito. La templo ŝajnas malplena.

Sed... estas noktomezo, oni komencas la Diservon; denove oni kantas halelujon! Kristo reviviĝis!

La sonoriloj sonas por anonci ĝojon pro la Reviviĝo de Kristo, kaj la malgajeco de la pasintaj tagoj aŭguras ĝojon kaj feliĉon.

Nova mondo, granda aŭroro kaj espero aperas antaŭ la homa vivado. La ofero de Kristo, la doloro kaj la sango montris al ni la veran vivon.

Malaperis la violkoloraj kurtenoj, kaj la altaroj denove brilas pro la ĝojo.

Por la Kristanoj ĉio, en tiu Dimanĉo de la Reviviĝo de Kristo estas spirita ĝojo, kiu eniras tra la okuloj, kaj malfermas la koron al la granda mizerikordo de Dio.

Reviviĝa Pasko, estas la plej sublima festo. Gloron al Dio Kiu savis nin per Sia Sango Kaj Sia Pasiono!

La plej fama kaj tradicia Sankta Semajno el Hispanio, estas tiu de Sevilla. Je la komenco de la 1ª jarcento oni organizis la kunfratarojn, kaj ili pere de siaj procesioj pligrandigas la solenon de la tagoj. Tiuj kunfrataroj sin dediĉas al piaj agadoj, kaj oferas ilin al Kristo kaj al la Dipatrino.

Ankaŭ estas tre famaj kaj antikvaj la procesioj de Murcia, Valladolid kaj malpli, tiuj de Zaragoza, Madrid, Salamanca, Crevillente, ktp., ktp., sed ĉiuj estas tre belaj kaj interesaj, plenaj de emocio kaj fido.

(1) «*Pasos*»: estas skulptitaj bildoj montrantaj scenojn el la Dia dramo.

*Portilo*: estas kvazaŭ tablo kun grandaj stangoj, por ke la viroj povu kunporti surŝultre dum la procesioj, la skulptitajn bildojn.

*Kunfrataroj* (Cofradías): estas Kongregacioj dediĉitaj al piaj agadoj.



**Niaj pioniroj...**

# Dro. Mariano Sola

En la ĉi jara marto atingis la sepdekan aĝon unu el la plej viglaj pioniroj de la Esperanto Movado: Dro. Mariano Solá, el Tarrasa.

La jaro 1895 vidis lian naskiĝon en la urbo Tarrasa, kie li, estante dekdu jaraĝa knabo aŭdis por la unua fojo pri Esperanto. De tiam lia intereso pri tiu lingvo kreskis kaj iom post iom allogis lin en la kirlon de la Esperanto agado. Post ellerno de la lingvo li fariĝis aktiva membro de la loka grupo kaj profesoris multajn Esperanto kursojn. Ankaŭ apartenis al la LINGVA KOMITATO, kaj dum kelke da tempo li redaktis la revuon KATALUNA ESPERANTISTO. Lia aktiveco en la literatura kampo puŝis lin al la Internaciaj Floraj Ludoj kie li ludis rolon, jen kiel juĝanto, jen kiel premiito.

Dum sia esperantista vivo, Dro. Solá partoprenis diversajn Universalajn Kongresojn, kaj faris prelegojn en Esperanto kaj nacia lingvo. Lia vivado, kiel tiu de ĉiuj niaj pioniroj, estis daŭra dediĉo al nia afero. Dank' al ilia laboro nia vojo estas hodiaŭ pli glata.

Ĉar la abeloj de la sperto provizis per saĝomielo la vivojn de niaj pioniroj ni, kiuj ŝatas tiun paradizan manĝaĵon, faras al nia samideano Solá kelkajn demandojn.

*Kie kaj kiam vi kontaktis kun Esperanto kaj eklernis ĝin?* Ĉe mia onklo mi vidis esperantan gramatikon, kaj oni parolis pri tiu lingvo. Mi legis la libron kaj ŝatis ĝin. Tio estis en la jaro 1907 aŭ 1908. Mi estis tiam dekdujara infano. Kiam okazis en 1909 en Barcelono la 5a Universala Kongreso de Esperanto, mi ne povis veturi al la Kongresurbo pro mia juneco, sed mi memoras ke mi povis legi kaj kompreni la tekstojn en Esperanto, kiuj aperis en unu el la barcelonaj ĵurnaloj.

*Kiu estis la ĉefa faktoro, kiu instigis vin lerni Esperanton?* Allogis min precipe la logika strukturo de la lingvo, la simpleco vere mirinda de la gramatiko kaj la ŝparo de vortoj, per la uzo de afiksoj. Ankaŭ kompreneble la morala valoro de Esperantismo, kvankam tio venis poste.

*Laŭ via opinio, kiu estas la ĉefa celo de Internacia helpa lingvo?* Ebligi neŭtralan interkompreniĝon inter diverslingvanoj, sen la humiligo kiu estas por la homo la uzo de fremda idiomo.

*Kion vi —spertulo— konsilus al la esperantista aro por plivigligi kaj pligrandigi nian movadon?*

Unue mi konsilas la perfektan konon de la lingvo, la oftan legandon de nia literaturo, la tradukon al Esperanto de ĉiuj valoraj verkoj el la plej diversaj landoj, precipe el la malvastaj lingvoj, kiuj ne estas facile tradukeblaj al la vastaj naciaj lingvoj; fine, klopodi por ke la Internacia Lingvo estu pli uzata en la komerco kaj hodiaŭ en la kampo de la turismo, kiu estas ĉiutage pli grava en la internaciaj rilatoj kaj en kies kampo ni nenion entreprenis ankoraŭ.

*Post via longa vivo esperantista, kian mesaĝon vi transdonus al la nuntempaj esperantistoj?*

Ke ili neniam laciĝu, malgraŭ malsukcesoj kaj elreviĝoj. Nobla kaj valora afero ne povas malsukcesi. Estas nur afero de tempo.

# Kun Pastro Casanovas tra Gerona

*Karl Bartel (Graz)*

Okaze de lia 80-jar-iĝo mi skribe gratulis pastron Casanovas, sed anstataŭ lian respondon mi ricevis el Zaragoza la malĝojan sciigon, ke neatendite li forlasis la teron sekve de akcidento. Klare revenis en mian memoron la tempo, kiam li antaŭ nun 45 jaroj akompanis min tra lia provinco de Gerona.

Pastro Casanovas estis unu el la ĉefaj kunlaborantoj de Dro Emilio Gastón Ugarte, el Zaragoza, en la preparo kaj efektivigo de la Esperanto-Infanhelpo por Aŭstrio post la unua mondmilito. Per lia agado 92 geinfanoj trovis gastlokojn en la provinco de Gerona por almenaŭ unu jaro. Komisiita de la aŭstriaj aŭtoritatoj raporti al ili pri la gastigo de la entute 326 aŭstriaj geinfanoj en Hispanujo, mi vizitis en la jaro 1921 ĉiujn gastlokojn, de Valencia ĝis Katalunio kaj Asturias.

En la provinco de Gerona pastro Casanovas bonege organizis tiujn vizitojn, en la urbo Gerona mem kaj en 15 aliaj lokoj, kie vivis aŭstriaj geknaboj. Kie estis pluraj gastinfanoj, tie la vilaĝestro estis kunvokinta la gastigantojn kaj iliajn junajn gastojn; en la komunuma oficejo mi senĝene povis interparoli kun la unuopaj gastigantoj; ĉeestis nur pastro Casanovas, kiu interpretis por ne-Esperantistoj kaj efike helpis klarigi komprenerarojn. Dun ĝenerale oni laŭdis la konduton de la infanoj, tamen pri kelkaj oni plendis pro malobeemo: Se oni ilin vokas, ili foriras! Laŭ mia peto oni montris al ni la mansignon por la ordono: venu! Gi signifas ĉe ni: foriru! Ni klarigis tion, kaj ĉiuj estis kontentaj!

Kun la infanoj mi parolis en neĉeesto de la gastigantoj. Ilia sola plendo estis: Oni insultas nin daŭre, oni nomas nin «kanajlo». Pastro Casanovas klarigis, ke tiu kataluna esprimo signifas: «kia kompatindulo!», estas do ĵus la kontraŭo de insulto! Tiamaniere pastro Casanovas, kiun oni ĉie akceptis kun plej granda respekto, helpis forigi malkonsentojn inter gastigantoj kaj infanoj kaj kontentigis ilin ambaŭ.

Se en iu vilaĝo estis nur unu aŭ kelkaj gastinfanoj, ni vizitis ilin ne anoncite en la domo de la familio. Kortuŝa estis la simpatio per kiu tiuj simplaj homoj traktis la fremdajn infanojn. Foje kamparano gvidis nin ekster la domon, montris al ni la vastan amplekson de lia bieno kaj diris: Jen, tio ĉio apartenas al mia edzino kaj mi; ni ne havas proprajn infanojn; se la aŭstria knabo kondutas bone, li povas resti daŭre ĉe ni kaj iam heredi ĉion. Post jaroj oni informis min, ke la knabo bone komprenis sian ŝancon, eĉ edziĝis kun la filino de najbaro kaj sidas sur propra tero! Entute restis 23 geknaboj post la fino de la gastjaro ĉe iliaj bonfaruloj en la Gerona provinco.

Dum miaj vizitekskursoj kun pastro Casanovas mi vidis, spertis kaj lernis multon interesan; kaj li ĉiam estis klera boninformita gvidanto. Ekzemple, kiam ni veturis per «tartanas», la duradaj ĉaroj; ĉiam kiam iu surgrimpis aŭ forlasis la veturilon, pastro Casanovas admonis: Ni helpu la ĉevalon! Ni ŝovis nin de niaj sidlokoj, ĝis la ĉaro ree estis en ekvilibro. Aŭ ni sidis malfruvespere kun iaj kamparanoj por «atendi la venton». Se ekblovas la vento de la Pirineoj, ĝi klinigas la grentigojn en la konvenan direkton; tiam averta signalo vokas la falĉistojn al nokta laboro...

Mi treege bedaŭras, ke la cirkonstancoj, ne ebligis al mi, foje revidi tiun tiel kompreneman kaj tolereman viron. Mi nun nur povas danki al li, ankaŭ en la nomo de la aŭstriaj infanoj, pro la patreca kaj konscienca maniero, per kiu li praktikis la Dian parolon: Lasu veni la infanojn al mi!



# PASTRO JOZEFO CASANOVAS

*Mariano Solá*

En Gerono, kie li loĝis dum preskaŭ sia tuta vivo, mortis la 26an de Januaro 1965, nia respektata pioniro Pastro Casanovas.

Ĉiuj hispanaj esperantistoj, precipe tiuj kiuj partoprenis niajn naciajn kongresojn, konis kaj ŝatis lin; ĉiuj aŭskultis kun fervoro kaj atento la esperantan predikon, kiun li faris ĉiujare dum la sankta meso. La temo de li plej ŝatata, ĉiam estis konvinki la neesperantistajn katolikajn ĉeestantojn pri la boneco kaj taŭgeco de Esperanto kaj ĝia utilo por la kristanaj celoj. Por tion atingi, post la prediko en Esperanto, kiun li tiel bone konis kaj parolis, li aldonis ĉiam tradukon en la nacia lingvo por ke la fideluloj komprenu bone pri kio temas lia prediko. Mi scias tre bone ke ĉiuj kongresanoj, kiel mi mem, atendis ĉiujare kun agrabla antaŭplezuro lian ĉiam interesan predikon. En nia lasta Kongreso en Valencio li ne povis jam veni sendube pro malbonfarto, ĉar neniu alia kaŭzo povus reteni lin for de ni.

Pastro Casanovas estis esperantisto jam de antaŭ multaj jaroj. Lia biografio estus la historio de esperantismo, precipe en Kataluna lando. Li estis unu el la fondintoj de la esperantista Grupo Gerono kaj en tiu sia urbo li organizis en 1921 la katalunan esperantistan Kongreson. Mia persona konatiĝo kun li komencis en tiuj tagoj. Li havis ankaŭ aktivan partoprenon kun aliaj sindonaj samideanoj en la organizado kaj realigo de la vojaĝo kaj gastigado en nia lando de la aŭstraj infanoj post la unua granda eŭropa milito.

Li partoprenis kelkajn internaciajn kongresojn, mi memoras en tiu ĉi momento ke ni renkontiĝis en Antverpeno okaze de la tiea Kongreso.

Li estis profesoro de latina lingvo en la Gerona seminario.

Lia intereso kaj laboro por Esperanto estis ĉiam intensa kaj konstanta. Ne malgranda merito, precipe en nia suda lando, kie la persisteco en senprofita tasko estas malofta virto. Niaj kunlandanoj ekbrilas per subita flamo, sed la ardo ĉesas tiel rapide kiel ĝi ekbrulis.

En tiu ĉi momento mi memoras kiel en unu el niaj komunaj babiladoj, li rakontis al mi, interesan epizodon travivitan de li, kiu havas certe rilaton al Esperanto. Kiam en la komenco de nia civila milito, en 1936a, en tiu malfeliĉa epoko, li estis malliberigita kaj retenita en karcero atendante la finon, kiun tiom da bonaj personoj tragike suferis en tiuj tagoj, malagrabla kaj danĝera periodo, per la deklamo kaj traduko de nia esperanta himno La Espero li sukcesis tuŝi la korojn de liaj gardistoj kaj per tio savis sian vivon en tiu momento.

Lia manko inter ni estos intense sentita de ni ĉiuj kiuj lin konis; ĉiam ni bedaŭros ne plu aŭdi lian agrablan voĉon, kaj neniam ni povos forgesi tiujn kvalitojn kiuj estis al li propraj, laŭ mia penso la plej estimindaj: la ĉarma simpatio kiu elradiis el lia persono kaj la spirito vere zamenhofa de lia toleremo kontraŭ alipensantoj.

PACE LI RIPOZU.

# Madrida Esperanto Liceo

Dum la tago 31a vespere okazis la ordinara kaj ĝenerala kunveno.

En ĉi tiu kunveno oni traktis pri multaj nesolvitaj aferoj, kiel estas la varbado de lernantoj kaj poste la restado en nia movado.

La plej granda parto el la samideanoj estas konvinkita, ke oni bezonas multajn lernantojn «tie, kie ili troviĝos». Ankaŭ ni opiniis, ke en ĉiuj ejoj, kie estos al ni permesate, ni devos doni Esperanto kursojn.

Post kelkaj aferoj, ni balotis la Estraron por la nuna jaro 1965. La nova Prezidanto estas Sro. Ortiz, ĉiekonata fervojista samideano, kiu nuntempe loĝas proksime al Madrido.

Fine, ni multe dankas al Sro. Arranz, pro lia sindona kaj grandega laboro, kaj gardas lin por rememorigo en estonta tempo.

# Vintraj aktivaĵoj de la esperantistoj de Tenerifo



De maldekstre: Sro. J. Régulo; F-ino. Dorothy Hawley' Sro. G. Dekron, kaj Sro. F. de Diego.

La vivo de la Esperantista Societo de Tenerifo daŭrigis sian tradi.cian ritmon. Jarfine ĝi okazigis sian ĉefkunvenon, dum kiu la estraro revuadis la dumjarajn atingaĵojn, inter kiuj estas elstariginda la reaperigo de la societa multobligita organo «Fluganta Folio». Je la laŭstatuta elekto de la duono de la estraro, nur okazis la ŝanĝoj, ke S-ro A. Ferrer Hervás fariĝis nova Sekretario kaj S-ro A. Benítez Hernández nova Bibliotekisto; la ceteraj estis reelektitaj.

Inter la tradiciaĵoj estis la traduka konkurso de la hispana en Esperanton kaj de Esperanto en la hispanan, gajnita ĉi-jare de S-ro A. Benítez Hernández, universitata studento, kaj S-ro M. Díaz Camacho, komercisto, la unua de Santa Cruz de Tenerife kaj la dua de Los Llanos de Aridane.

La Societo kutimas ĉiujare viziti malsaman lokon de Tenerifo, por diskonigi en publica aranĝo la mesaĝon de Esperanto. Ĉi-jare tio okazis la 27an de decembro, kaj la elektita loko estis la progresema komunumo Arafo. Survoje la ekskursantoj vizitis la bazilikon de Candelaria (alia insula komunumo), kie la plimulto aŭdis meson, antaŭe interkonsentitan, kaj poste pluiris al Arafo. Ĉi-tie nia kunsocietano S-ro J. Régulo Pérez faris publikan prelegon en la plenplena ĉefsalono de la loka kazino. Ĉeestis lokaj aŭtoritatoj, kaj, post la parolado, la urbestro regalis ĉiujn ekskursantojn (kiuj estis ĉirkaŭ 40), per abunda aperitivo. Same la aŭtoritatoj kiel privatuloj rivalis agrabligi la ĉeeston de la esperantistoj, inter kiuj estis la belgo S-ro G. Dekron (kiu vizitis Tenerifon por la dua fojo), la kanadino F-ino Dorothy Hawley (kiu venis al La Laguna por ĉeesti la superan Esperanto-kurson en la Universitato, okazantan tute en Esperanto; dum kvar monatoj ŝi estis tre vigla paroliganto de la Lingvo Internacia en niaj rondoj, pro ŝia nescio de la hispana), kaj S-ro F. de Diego, venezuela civitano. La intereso por nia afero estis vere vigla, sed la manko de taŭga instruisto ne permesis tuj starigi kurson en Arafo, kiel estis la deziro de ĉiuj.

La kursoj en la Universitato daŭre elvolviĝas, unu inica kaj alia progresa ĉi-jare kun entute 40 gekursanoj enskribitaj. Sed komence de januaro nia aktiva kunsocietano S-ro M. Manteca López, notario en Icod, ekgvidis rapidkurson en la ejo de privata kultura societo de tiu urbo, kiu finiĝis en la lastaj tagoj de februaro. La lecionoj okazis trifoje ĉiusemajne. La kurso estis interese vizitata kaj rezultigis vivan eĥon. La unuan kaj ferman lecionon ĉeestis estraranoj de ESTO, kiuj alparolis la gekursanojn.

La vizitoj de alilandaj gesamideanoj estis sufiĉe nombraj. Aldone al la supre cititaj, ni akceptis, interalie, la viziton de la nederlanda kaporalo de la mararmeo S-ro J. Snoek, kiu dum la oficiala vizito de parto de la nederlanda floto al Santa Cruz de Tenerife estis nia gasto; la reviziton de la ĉiam vojaĝanta kvakero S-ro A. Tucker; la viziton de la svedaj bonkonataj kristanaj misiistoj gesinjoroj Sandgren-Alamo, same kiel tiun de S-ro C. A. Klang, ĉefdirektoro de la Ŝtata Hortikultura Esperimentejo de Alnarp (Svedujo). Por la fino de marto estas anoncita la vizito de Prof. G. Waringhien, Prezidanto de la Akademio de Esperanto.

Fine ni povas diri, ke la kolektado de subskriboj por la Jaro de Internacia kunlaboro bone komenciĝis.

JRP

## Esperanto-Klubo de Palencia

Aktivaĵoj: De januaro ĝis aprilo oni klarigis kurson kiun finis 10 gelernantoj.

Someran kurseton finis 16 gelernantoj kaj dum la lastaj monatoj, de la 13a de oktobro ĝis la 18a de decembro, okazis kurso kun 10 gesamideanoj. Entute 36 novaj gesamideanoj eklernis la lingvon dum la pasinta jaro.

La loka ĵurnalo publikigis 10 artikolojn pri la movado esperantista, pro kio ni devas danki al la ĵurnalisto Sro. Buisan pro tiu kunlaboro en la disvastigo de nia Internacia Lingvo.

## GRUPO ESPERANTISTA

### "FIDO KAJ ESPERO"

En la reunión general anual celebrada el pasado día 19 de los corrientes fue elegida por unanimidad la presente JUNTA DIRECTIVA.

| | |
|---|---|
| PRESIDENTE | D. Mariano Cantalapiedra Nieto |
| VICE-PRESIDENTE | D. José de la Palma Andrés |
| SECRETARIO | D. Luis Hernández García |
| VICE-SECRETARIA | Srta. María Concesa Quijano |
| TESORERO | D. Gonzalo Castañón Marcos |
| CONTADOR | D. Rafael Sánchez Navarro |
| BIBLIOTECARIO | D. Antonio Diez Gómez |
| VOCAL | Srta. Carmen Conde Labajo |
| VOCAL | D. Antonio Gamboa y Sánchez |
| VOCAL | D. Jacinto Urueña |

La nueva Junta Directiva desea establecer el mayor contacto posible con los Grupos Esperantistas del mundo entero, especialmente con los de España.

Con el fin de facilitar el trabajo rogamos que todo cuanto se relacione con el Grupo se dirija a su domicilo social de Ruiz Hernández, 12 y no a los miembros de la Directiva.

## ✳ Ni legis por vi...

*ESPERANTA-PORTUGALA PROVERBARO. Zamenhof - C. Fernandes. AMO PER PROVERBOJ.. A. Azevedo Tradukis C. Fernandes. Eldonis: Liga Brasileira de Esperanto. Prezo: broŝ.* 15 *steloj*; *bin.* 25 *st.*

Kiel la titolo indikas, la unua parto de ĉi tiu libro estas proverbaro esperanta —plej parte eltirita el la Zamenhofa— kun paralela traduko en portugala lingvo. Ĉar la proverbo estas universala frukto de la *popola saĝo* oni ne povas miri konstatante ke, en ĉiuj lingvoj, do en ĉiuj landoj, la proverboj estas preskaŭ la samaj. La laboro de Sro. Couto Fernandes —Prezidanto de la Brazila Esperanto-Ligo de 1909 ĝis 1946— konsistis ĉefe en la serĉo kaj ordigo de la samsignifaj proverboj en ambaŭ lingvoj. La laboro, aplaŭdinda pro la granda pacienco kiun sendube postulis de la aŭtoro la zorga elektado de la samsencaj proverboj estos speciale utila al la portugallingvaj esperantistoj, kaj al la ne esperantistoj kiuj interesiĝas pri la studo de la proverboscienco.

La dua parto de la libro harmonias kun la unua pro la temo, ĉar estas traduko en bonega, modela esperanto —kun paralela teksto en portugala— de la komedio «Amo per proverboj» de la fama brazila teatroverkisto Artur Azevedo (1855-1908). Ĉi tiu unuakta komedieto havis jam centojn de sukcesaj prezentadoj en Brazilo kaj Portugalio, kaj bone taŭgas por esti prezentata dum Esperanto festoj aŭ amuzaj klubvesperoj. Koran gratulon al la Liga Brasileira de Esperanto pro la eldono de ĉi tiuj interesaj verkoj.

N. L. ESCARTIN

*LA SORTO DE LA HOMARO. Martinus. Eldanigis Ib Schleicher. Verda tolo kun titolo kaj simbolo en ora surpreso.* 112 *paĝoj kun indekso. Eldonis la Instituto de Martinus. Mariendalsvej* 94-96. *Kopenhago F. Danio. Prezo* 6'5 *d.kr.*

Per la 47 ĉapitroj de ĉi tiu libro, Martinus prezentas antaŭ ni pluan mirigan analizon de la *tuta* homo. Skize, sinteze, per klara lingvaĵo, la kompleta homa mekanismo estas zorgege analizata en kunligo kun ties kreitaj agoj kaj reagoj kaj sekvaj rezultoj en formo de individuaj aŭ kolektivaj okazaĵoj kiuj konsistigas tion, kion ni nomas destino aŭ sorto.

El la klarvida penso de Martinus oni eltiras la scion, ke la homo estas kosma, mirinda mekanismo, kiu per laŭgrada evoluspiralo eniras ĉiufoje en pli klaran komprenon, en pli luman konsciiĝon pri tiu kosma fenomeno kiu aperas antaŭ ni kiel ĉirkaŭanta mondo. En ĝi, nekonceptebla Dio ludas la grandiozan kaj nekompreneblan simfonion de la vivo per senfina estaĵaro kun divergrada vivkonscio. El la diversa kunludo de tiuj energitavoloj formiĝas la diversaj fenomenoj kiujn ni nomas socio, feliĉo, milito, malamo, k.tp. En plej alirebla formo Martinus klarigas kaŭzojn kaj montras elirvojon, despli valoran ĉar harmonias kun la eternaj vivoleĝoj. Plej atentindaj estas la 12 punktoj per kiuj li resumas la esencon de la evoluo kaj sorto de la homaro. Estas notinde, ke la verkojn de Martinus karakterizas objektiveco, rekta iro en la kernon de la afero kaj senpasia, neofte alta superrigardo. La belega kaj eleganta traduko de Schleicher trafe peras lian penson. Bela kaj klare videbla litertiparo agrabligas la legadon. Ni devas senrezerve aplaŭdi la aperon de ĉi tiu libro.

N. L. ESCARTIN

*Libroj ricevitaj*:

*KENZYU PARKO - ARBARO. Kenzi Miyazawa. Tradukis Syuzi Matuda.* 501 *paĝoj. Fotopresita manuskripto lukse bindita kun orpresitaj titoloj. Prezo ne indikita.*

*ESPERANTO? Eldiroj de eminentaj polaj intelektuloj. En Esperanto kaj Pola Lingvo. Eldonis Pola Esperanto Asocio.* 153 *paĝoj. Prezo*: 16 *zlot.*

*MIA POŜHORLOĜO. — LA FUMO. Maria Konopnicka. Tradukoj de Kabe kaj Grum, respektive. Eldonis Pola Esperanto Asocio.* 48 *paĝoj. Prezo*: 12 *zlot.*

*SUB LA NOBLA ĈEVALO. Andrzej Szgzypiorski. Eldonis Pola Esperanto Asocio.* 60 *paĝoj. Formato* 105 x 145 *mm. broŝ. prezo*: 1'10 *zl. aŭ* 4 *rpk.*

*KANTANTE TRA POLLANDO.* Roman Dobrzynski kaj Tadeusz Jarzecki. Pola esperanto Asocio. 55 paĝoj. Prezo 12 zl. Akirebla per r.p.k., steloj aŭ interŝanĝe ĉe Pola Esp. Asocio, Nowy Swiat 27, Varsovio.

*KIEL ESTI AMATA.* Kazimierz Brandys. Tradukis J. Grum. Pola Esperanto Asocio. 65 paĝoj. Prezo 4 zl.

*SOIFO.* Poemkolekto. L. Tarkony. Antaŭparolo de K. Kalocsay. Kovrilo de J. Schaap Jr. STAFETO: Belliteratura Serio, 23. J. Régulo, Eldonisto. La Laguno, Kanariaj Insuloj, 1964. 16'5x22 cm. 252 paĝoj. Prezo: 2'40 usonaj dolaroj (aŭ egalvaloro).

*HAMLETO.* W. Shakespeare. Traduko, enkonduko kaj notoj de L. N. M. Newell. Kovrilo de Ila Osburn kaj J. Schaap Jr. STAFETO: Belliteratura Serio, 24. J. Régulo, Eldonisto. La Laguno, Kanariaj Insuloj, 1964. 16'5 x 22 cm. 252 paĝoj. Prezo: 2'40 usonaj dolaroj (aŭ egalvaloro).

Ci tiujn librojn vi povas aĉeti ĉe la H. E. F. Libroservo, P.º Marina Moreno, 35, 4.º decha. ZARAGOZA.

GRAMATIKAĴOJ

# Ekzamena Rubriko

D. DALMAU

*Respondoj kaj nova demando*

Tri respondoj alvenis al nia demando (Vidu la numeron de «Boletín» Novembro-Decembro 1964) ĉu la vorto *aŭtodidakto* estas simpla aŭ kunmetita en Esperanto. Ĉiuj korektaj, de S-oj Fontcuberta el Montblanc, Lluch el Vilafranca kaj Hernández-Llusera el Sabadell. La du lastaj eĉ argumentis, ke *aŭto* ne estas Esperanta prefikso — Al la tri nian sinceran gratulon.

Jen nova demando: ĉu estas erara aŭ korekta la frazo: *Li plenumis krom sian devon, ankaŭ sian deziron utili al socia profito.* Oni devas rezoni pri ĝia erareco aŭ ĝia korekteco. Studu kaj pruvu ke vi lernis.

# FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

## T E S O R E R I A

### Balance en 31 de Diciembre de 1964

#### C O B R O S

| | | | |
|---|---|---|---|
| Superávit del año 1963 | | 9.829'30 | Pesetas |
| Cuotas | 55.424' - | | |
| Cotizaciones de extranjeros | 3.014' - | | |
| Donativos | 6.413' - | | |
| Anuncios | 1.300' - | | |
| Venta de material y diplomas | 1.478'50 | | |
| Derechos de examen | 250' - | | |
| Intereses | 184'90 | | |
| Lotería | 290' - | 68.354'40 | 78.183'70 |

#### P A G O S

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| BOLETIN: | Composición e impresión | 41.402'70 | | |
| | Fotograbado | 4.978' - | | |
| | Fotocopias y fotos | 85' - | | |
| | Sobres | 1.154 60 | | |
| | Gratificación al Director | 500' - | 48.120'30 | |
| Cuota de U. E. A. 1964 | | 3.752' - | | |
| Informaoficejo | | 2.000' - | | |
| Propaganda (boletines inscripción) | | 925' - | | |
| Impresos | | 560' - | | |
| Papel y sobres | | 226'50 | | |
| Postales | | 80' - | | |
| Sellos de correos | | 3.585'10 | | |
| Telegramas | | 59'30 | | |
| Pólizas | | 30' - | | |
| Arreglo máquina escribir | | 109'75 | | |
| Factura Octavio y Félez | | 585'50 | | |
| Transportes | | 27'60 | | |
| Lotería | | 150' - | | |
| Obsequio Congreso IFEF | | 750' - | | |
| Déficit del Congreso | | 1.822'20 | 14.662'95 | 62.783'25 |

Superávit en 31 de Diciembre de 1964 .......... 15 400'45

La Tesorera,
M.ª PILAR GOMEZ

## ELDONA FAKO DE H. E. F.

La Eldona Fako se creó con el fin de, por medio de objetos de propaganda, recaudar fondos para la creación de premios que estimulasen la labor de los esperantistas.

He aquí las cuentas de esta sección:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Capital invertido | | | 37.732'90 Pesetas |
| **INGRESADO** | | | |
| Por venta de diversos objetos | 25.774'70 | | |
| **GASTADO** | | | |
| Concurso Literario | 2.005' - | 23.769'70 | |
| Amortización de capital | | | 23.769'70 |
| Debe la Eldona Fako | | | 13.963'20 |

Zaragoza, 31 de Diciembre de 1964.

INES GASTON

# EROJ (LIBERECO)

*Nicolás L. Escartín.*

En plej profunda senco, libereco ne estas nur atinginda rajto, sed ankaŭ atingenda evoluostadio. En nia klopodo por ambaŭ, ni memoru, ke el la dua venas *nature* kaj *harmonie* la unua, sed ne kontraŭe. Kaj estas neeble atingi la unuan sen la dua.

---

Ni konsideru, aliflanke, ke la ĉefa problemo de la mondo estas *esence* batalo por la homa libereco.

---

Kaj jen tragedio en nia batalo: la baza nescio pri la vera signifo de la homa problemo.

---

Ĉar ekzistas tiom da teoriaj solvoj, kiom da unuopaj homoj; sed mi ree emfazu: la problemo estas multsignifa kaj la solvoj prezentitaj de la politikaj doktrinoj tute ne tuŝas —nek povas tuŝi— la veran kernon de la afero.

---

Ĉar nova, «pli bona» ideologio, apenaŭ estas io alia ol *nova* banalaĵo por akralanga diskuto. Io mankas tie, kie la homoj diskutas. Nur memkompreno perus klarigan ekvidon kaj ebligus solvon. Sed ankoraŭ restas longa vojo irenda.

---

Saĝulo iam diris: «Ĉiu bona homo estas libera homo»; kaj li pravis. Lia kompreno de la rilato ekzistanta inter *bono* kaj *libereco* estis neofte klara. Tiu kompreno estas ŝlosilo al konceptmaniero pli ampleksa, pli profunda...; Konceptmaniero liberigita el la preskaŭ nepenetrebla iluzivualo kaj miraĝo en kiu la homo abismiĝis.

---

Febra barakto karakterizas la vivon de la homo. Ĉiujn rigardojn oni ĵetas eksteren. Introspekto fremdas kaj pro tio dolora angoro aŭ neeltenebla malpleno ŝvebas en la anima vivo de la homo. Nur en korekta introspekto troviĝos enireblo en la bezonatan memkomprenon.

Tip. C. Boloix - Reina Fabiola, 7 - Zaragoza D. L. Z - 375 - 63